


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2008.1

60-a Internacia Fervojista Esperanto - Kongreso




Pollando, Poznano
17-24 majo 2008










*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*


Mi profitas la okazon por, je la nomo de la IFEF-estraro, deziri al vi kaj al via familio, feliĉan sukcesplenan novan jaron kaj esperi multnombrajn partoprenontojn okaze de nia internacia kongreso en Poznano.

## Redaktora jarraporto 2007

En 2007 nia eldonaĵo "Internacia Fervojisto" aperis kvinfoje. Ĝi konsistis el ses numeroj (unu duobla) kun 104 paĝoj (16 pliaj paĝoj rilate lastan jaron).

Mi vere dankas la verkantojn, kiuj, la tutan jaron, provizis diversajn interesajn artikolojn por la revuo. Denove mi bezonas kaj petas vian kunlaboron

Mi ankaŭ deziras danki nian revizianton, Albert Gestin, kiu, jam de pluraj jaroj, strebas por ke nia revuo estu plej eble sen erara.

Por la jaro 2008 mi provos plenumi mian redaktoran taskon kaj akurate liveri interesan publikaĵon .

**Frontpaĝe.**
Emblemo de nia venonta kongreso en Poznano (Pollando)

## Enhavo








# Nia venonta 60-a IFEF-kongreso en Pollando

## Iom da historio pri la urbo Poznano

**Poznań** (esperantigo *Poznano*) estas la ĉefurbo de la provinco Grandpollando en Pollando. Ĝi situas ĉe la rivero Varto kaj havas 590 000 loĝantojn. Ĝi havas statuson de urbo de la 13-a jarcento, kaj apartenis al Prusio de 1793 ĝis 1918 kaj al Germanio inter 1939 - 45.

En julio 1956, la laboristoj ribelis kontraŭ la komunismo, tio kio estis sange subpremita.

La historio de Poznano apartenas al unu el la plej malnovaj en Pollando. Nome, la unuaj migrantaj ĉasistoj komencis setli tie, jam de pli ol 8 mil jarojn antaŭ nia erao. Dum jarcentoj, la regionon jen kaj jen celis laŭvicaj hom-grupoj, alportante ĉiam pli novajn kutimojn kaj vivmanierojn. Sufiĉas diri, ke nun en la urbo, arkeologoj laboras en pli ol 100 foscentroj. Bedaŭrinde, tra la regiono ne kondukis la romia sukcesa itinero aŭ aliaj gravaj trakoj, tial temas verdire pri loko iom provinca.

Tio tamen ne signifis nur malavantaĝojn. Ĝuste, la provinca situo



*Urbodomo dePoznano*

de la regiono kaŭzis, ke damaĝis ĝin nek la migrantaj el la okcidento al la oriento keltoj, nek la migrantaj el la nordo al la sudo de la eŭropa kontinento gotoj. La loka komerco disvolviĝis malrapide, sed senĉese. Ĝian ekziston ĉesigis nur invadoj de Hunoj, kiuj superlavangis la regionon dum la

5-a jarcento. Veran renaskiĝon de la regiono kaj establon de setlejo, el kiu evoluis Poznano, alportis nur la 9-a jarcento. Temas pri Ostrów Tumski – la rivera insulo de Warta. Malpli ol 100 jaroj pli poste, ĝi fariĝis unu el la plej gravaj lokoj en la kreiĝanta ŝtato de princo Mieszko la 1-a, opiniata la unua reganto de Pollando. Tre rapide, la urbo disvolviĝis, grandparte pro la situo najbare de la germana imperio. Ĝuste kun ĝi, la unuaj regantoj de Pollando estis plej proksime ligitaj. Pri la tiama graveco de Poznano povas atesti la fakto, ke laŭ la arkeologiaj esploroj, ĝi estis la plej bone fortikigita urbo en la ŝtato de Mieszko la 1-a.

En la jaro 966, kiam okazis la bapto de tiu ĉi pola princo, komenciĝis la skriba historio de Pollando. Necesas aldoni, ke precize Poznano estas opiniata de sciencistoj kiel verŝajna loko de tiu ĉi bapto. Atestas pri tio, interalie la fakto, ke en Poznano estis malkovritaj antaŭnelonge restaĵoj de kastelo, la plej granda masonita konstruaĵo en la tiama Pollando. Oni supozas, ke apudis ĝin la tn. kapeleto de Dąbrówka – la edzino de Mieszko la 1-a. La arkeologiajn esplorojn malfaciligas la fakto, ke la restaĵoj troviĝas sub la preĝejo de Dipatrino, daŭre funkcianta kaj vizitata de religiuloj. Tamen, arkeologoj ĉiam pli kuraĝe supozas, ke Poznano ne nur rolis kiel loko en kiu komenciĝis la simbola kristanigo de nia lando - pro la bapto de la reganto, sed ke ĝi estis la unua ĉefurbo de Pollando.

La unua episkopo de Pollando, Jordan, sian sidejon havis en Poznano en la Katedalo de Sankta Petro troviĝanta sur la jam menciita insulo Ostrów Tumski. En la sama preĝejo estis entombigitaj princo Mieszko la 1-a kaj poste lia filo Boleslao la Brava – la unua reĝo de Pollando. La katedralo fariĝis loko de la eterna ripozo ankaŭ por laŭvicaj reĝoj de Pollando. La lasta estis tie entombigita en la 1296-a jaro Przemysław la 2-a. Valoras mencii, ke li mem enkondukis la blankan aglon kiel la blazonon de Pollando. Kiel skribis la unua pola kronikisto Gall Anonim, la jaroj post la morto de Przemysław la 2-a alportis kaoson al la juna pola ŝtato. Rezulte de ĝi, homoj revenis al la paganaj ritoj kaj en la katedralo de Sankta Petro ekloĝis sovaĝaj bestoj, sed ne por longe. La katedralon post neplena jarcento oni rekonstruis kaj ĝi denove fariĝis la episkopa sidejo. Sed, Poznano ne plu multe gravis. En la 1320-a jaro, la oficiala ĉefurbo de Pollando fariĝis Krakovo. Poznano do devis lasi la sonĝojn esti la koro de la lando kaj ĝi devis okupiĝi pri komerco, ankaŭ kun tiom foraj regionoj kiel Arabio. Ene de la ĉirkaŭita per la defendoremparego urbo la vivo brile evoluis. Poznano estis agnostika kiel urbo jam meze de la 13-a jarcento. El la sama periodo devenas la difino de la ĉefa urba foirplaco. Ĝia spaco okupis eĉ 2 hektarojn, kio signifis entute dekonon de la urba spaco. La grandeco gravis, ĉar ĝuste sur tiu teritorio okazis, ĉiun merkredon, bazaro. Pri pli grandaj fieris nur Gdansko kaj Krakovo. Malgraŭ tio, ke en Poznano ne plu loĝis reĝoj, ĝi daŭre apartenis al

la ĉefaj urboj de Pollando. Atestas pri tio, interalie la fakto, ke ĝuste ĝi kune kun Krakovo devis aprobi ĉiujn subskribitajn pactraktatojn inter la pola ŝtato kaj la Teŭtona Ordeno. En la 15-a jarcento oni ĉirkaŭis Poznanon per aldona defendo-remparego kun 35 turetoj, inkluzive la plej grandan, nomatan la horloĝa. Kaj kun la horloĝo kaj Poznano, entute nedisigeble ligiĝas la t. n. poznanaj kapridoj, vaste rekonataj kiel la simbolo de la urbo.



*Kapridoj sur la urbodomo*



*Ĉefa placo en Poznano*

Laŭ onidiroj, kiam Majstro Bartolomeo finis la laborojn koncerne la turhorloĝon, kiun oni volis instali ĉe la urbodomo, li invitis la urbokonsilantaranojn por ĝia prezentado. Tion neatendite partoprenis ankaŭ vojevodo. Majstro Bartolomeo ordonis do al kuiristo prepari apartan regalon. Tamen tiu ĉi ne estis aparte zorgema persono kaj la ĉefa plado estis rostbruligita. Li do decidis ŝteli du kapridojn kaj rapidis ilin prepari anstataŭ la bruligita viando. La kapridoj tamen sukcesis eskapi el la kuirejo kaj ili subite ektroviĝis sur la tegmento de la urbodomo. Tie ili komencis interfrapi sin per la kornoj, kio multe amuzis la urbokonsilantojn kaj urboloĝantojn. La batalemaj kapridoj vekis ankaŭ bonan humoron de la vojevodo, kiu senkulpigis la kuiriston pri la ŝtelo kaj ordonis al Majstro Bartolomeo aldoni al la prilaborita horloĝo kaprid-figurojn, kiuj frapetas sin per la kornoj. La ordono de la vojevodo evidente devis esti plenumita kaj kapridoj ĝis hodiaŭ tagmeze elkuras el la horloĝo, situanta sur la turo de la urbodomo por reciproke interŝanĝi kornofrapetojn. Tio same hodiaŭ kiel antaŭ jarcentoj kaŭzas ĝojon de la poznananoj, kaj ankaŭ de turistoj, kiuj gape admiras la simbolon de la urbo

*El Wikipedia*

# Provizora PROGRAMO de la 49-a IFES Rumanio - Braŝovo (23.02.— 01.03.2008)

***Sabate, 23.02***
11.00 - 21.00 - Akcepto de la partoprenantoj
18.00 - vespermanĝo
19.00 - Interkona vespero

***Dimanĉe, 24.02***
9.00 - matenmanĝo
10.00 -12.00 promenado/ĉiĉeronado tra la urbo
12.00-14.00 tagmanĝo
14.00 -17.00 libera programo
18.00 - vespermanĝo
19.00 - Karnavalo

***Lunde,25.02***
09.00 - matenmanĝo
10.00 -12.00 Skikonkurso en Poiana Braŝovo
12.00 -14.00 tagmanĝo
14.00 -17.00 piediranta ekskurso en Poiana Braŝovo
18.00 -19.00 Renkontiĝo kun la membroj de E-klubo AMIKECO de Braŝovo
19.00 - komuna vespermanĝo kaj distra programo

***Marde,26.02***
09.00 - matenmanĝo
10.00 -Tuttaga ekskurso al Sigiŝoara (tag- kaj vespermanĝo survoje)

***Merkrede,27.02***
09.00 - matenmanĝo
10.00 - Tuttaga ekskurso : Posada (Muzeo de la ĉasado)- Buŝteni/Montaro Buĉeĝi (per telfero)-(tagmanĝo survoje)
18.00 - vespermanĝo
19.00 - interkultura vespero

***Jaŭde, 28.02***
09.00 - matenmanĝo
10.00 - Tuttaga ekskurso al salminejo Slanic Prahova (tagmanĝo survoje)
18.00 - vespermanĝo
19.00 - prezentado de KD pri Rumanio

***Vendrede, 29.02***
09.00 - matenmanĝo
10.00 -12.00 vizito de Arta Muzeo en Braŝovo
12.00 -14.00 tagmanĝo
14.00 -17.00 ekskurso per telfero sur la monto Tâmpa-vidindaĵo de Braŝovo
18.00 - vespermanĝo
19.00 - Adiaŭa vespero

***Sabate, 01.03***
09.00 - matenmanĝo
10.00 - foriro de la partoprenantoj

La programo povas sanĝiĝi depende de la vetero kaj de la intereso de la partoprenantoj;
La kostojn de la vojaĝo kaj de la diversaj aranĝoj oni pagos surloke.

---

**ALIĜILO**
49-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno
Braŝovo - Rumanio 23.02-01.03.2008

Nomo _____________ Antaŭnomo______________
Adreso________________________________________
Poŝtkodo__________________Urbo_________________________Lando______________
Mi deziras Ioĝi kun__________________________________
Mi alvenos per ________________tago/horo_________
Mi pagas: aliĝkotizon_______________________
tranoktadon_______________________
Sume:_________________
Pri sanasekuro mi prizorgas mem.
Loko, dato : Subskribo,

## 49-a *Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno*

## BRAŜOVO - RUMANIO Montaro POSTAVARUL
## 23.02 - 01.03.2008

**Kontaktadresoj:**

- S-ino Rodica TODOR poŝtel: 040 722 792849 **rete: rodica_todor@yahoo.com**
- S-ro Constantin MARCU hejma adreso:
str. Zizinului nr. 65,bl. S 22,sc. D,ap. 2,500403 Brasov,Romania
**rete: ela_net45@yahoo.com** aŭ **tour_esper@excite.com**

Bankkonto en Eŭro: **RO 34BRDE080SV18632950800**
**pt. As. Feroviarilor Esperantişti ,str. Politehnicii 1,Braşov Bv-ROM**

| **KOTIZOJ:** | **ĝis la 31.12.07** | **ekde 01.01.08** |
|---|---|---|
| - aliĝkotizo | 20 EUR | 30 EUR |
| - aliĝkotizo por partoprenantoj el la ekssocialismaj landoj | 10 EUR | 15 EUR |

Estos disponeblaj unu-, du- kaj trilitaj ĉambroj .
**Prezoj por tutsemajna (7 taga) restado (tranoktado+matenmanĝo), en la hoteloj POSTAVARUL kaj COROANA, dependas de la kvalito de la hotelo.**

La menciitaj hoteloj situas unu ĉe la alia **en la urbocentro** kaj estas facile atingeblaj de la ĉefa stacidomo per buslinioj **4** kaj **51.** De la bushaltejo **"Primarie"** (esperante - "Urbodomo"),necesas 5 minutoj por atingi la hotelojn, post trairo de la Centra Parko.

**Hotelo "COROANA", dustela, havas unu- kaj dulitajn komfortajn ĉambrojn, ekipitajn per kablo-televido, telefono, duŝejo kaj necesejo.**

**Prezo: unulita ĉambro 36 EURO (kun matenmanĝo)**
**dulita ĉambro 26 EURO ( „ „ „ „ )**
**po nokto/po persono**

**Hotelo "POSTAVARUL", unustela, havas unu-, du- kaj trilitajn komfortajn ĉambrojn (kun varma kaj malvarma akvo, telefono, necesejo).**
**Duŝejoj troviĝas en la koridoro.**

**Prezo por unu persono : unulita ĉambro 18 EURO (kun matenmanĝo)**
**du/trilita ĉambro 15 EURO ( „ „ „ „ )**

Ĉiuj hoteloj ofertas, laŭ la elekto, **duon- aŭ kompletan pensionon.**
**Senpaga inter-reta konekto.**
Por kromaj informoj pri la urbo Braŝovo kaj proponitaj loĝeblecoj, eblas konsulti:
www.Brasovcity.ro
www.aro-palace.ro

## Ĝeneralaj instrukcioj:

Bv. plenigi tajpe aŭ preslitere kaj legeble apartan aliĝ-ilon kaj sendi ĝin al la adreso de s-ro **Constantin MARCU**.

Estas rekomendite skribi familian nomon majuskle kaj personan nomon minuskle.

**La aliĝiloj povas ankaŭ esti senditaj per ret-mesago.**

Organizantoj ne respondecas pri asekuro de la partoprenantoj. San-asekuron devas esti kontrakti **hejme.**

**Limdato por aliĝi: la 31-a de Januaro** 2008. Post tiu ĉi limdato, la aliĝiloj estos traktataj sen garantie.

Atingebleco:

Eblas uzi internaciajn trajnojn: Dacia (de Vieno), lster (de Budapeŝto), Pannonia (de Praha), Carpati (de Krakovo). Eblas flugi al Bukuresto kaj de tie, trafi trajnon aŭ buson ĝis Braŝovo. La ĉefa stacidomo situas unu kilometron for de la hoteloj. **Kondiĉe de via anonco de la alveno, vi estos akompanataj.**

Skieblecoj:

Oni proponas plurajn skicentrojn: Poiana Braŝovo (13 km-ojn, atingeblan per buso), Predeal (24 km-ojn, atingeblan per trajno kaj buso), Azuga (32 km-ojn,atingeblan per trajno kaj buso),Sinaia (40 km-ojn,atingeblan pertrajno kaj buso).

La plej proksima skicentro, Poiana Braŝovo, disponas pri skiterenoj por komencantoj kaj spertuloj, kiuj estas inter 300-4000 metrojn longaj kaj pri padoj 4500 metrojn longaj por longdistancaj skiantoj.

En ĉiuj proponitaj skicentroj servas skiliftoj, seĝliftoj, pruntejoj de materialoj por skiado, k.t.p.

## Programeblecoi:

**La programo komenciĝas sabate, la 23-an de februaro, per interkona vespero (18.00h) kaj finiĝas sabate, la 01-an de marto, post maten-manĝo.**

La organizantoj proponas kutimajn skisemajnajn programerojn vintrajn kaj kulturajn kiuj dependos de la nombro de la partoprenantoj.

Por la elekto de la partoprenantoj, jen kelkaj vidindaĵoj :

- la urbo **Braŝovo** - la urbo-fortikaĵo ĉe la malsupro de monto Tâmpa (960 m).

**- la Kastelo** Bran troviĝanta 30 km-ojn sude de Braŝovo. Ĝi famas pro ĝia beleco kaj la ĉirkaŭanta pejzaĝo, sed ĝia famo ligiĝas precipe al la legendo de la Grafo Drakula, kies etoso ankoraŭ hantas ĉi-tiujn praajn regionojn,

- la fama reĝa **Kastelo Pelés** - la ĉefa pitoreskaĵo de la urbo Sinaja (40 km).

- la urbo **Sigiŝoara (100** km) - atestita ekde la jaro 1191. Ĝi estas la ununura fortikaĵo seninterompe enloĝata ĝis nun. La remparo tre bone konservita kaj la malnovaj stratetoj kaj domoj ege pitoreskaj beligas la urbon.

- **la salminejo Slanic-Prahova kaj la Muzeo de la ĉasado Posada.**

- la supro de la **Montaro Bucegi,** per telfero ĝis alteco de 2000 metroj.

Pro la riĉa programo, la urbo elektita konvenas por ĉiuj aĝkategorioj, por skiantoj, sed ankaŭ neskiantoj - ĉar la regiono estas unu el la plej famaj ripozlokoj en Rumanio - .

Nia konsilo estas akcepti la **INVITON** partopreni la 49-an Skisemajnon de IFEF en mirinda regiono de Sud-Orientaj Karpatoj.




Kongresa n-ro

# A L I Ĝ I L O

**Por la 60-a Kongreso de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) aranĝita de PEFA inter la 17-a kaj 24-a de majo 2008 en Poznano, Pollando**

**Poŝta adreso de LKK:**
Dom Kultury ''Kolejarz '' Al.Niepodległości 8A
PL 61-875 Poznań **Tel:** +48 601703231 **fax** +48 61-6331595

**Bank-kontoj: Stowarzyszenie KSTiK "Kolejarz"** ul.Hoża 63/67, 00-681 Warszawa
**Bank Millenium** Biznes BIG Bank Gdański S.A. Al. Jerozolimskie 123, 02-017 Warszawa
SWIFT CODE: BIGBPLPW NO: PL98116022020000000086472212 *(en euroj)*
por pagoj en zloty(PLN) 51 1160 2202 0000 0000 3369 2254
retadreso: pefa@op.pl reta hejmpaĝo: . www.pefa.pl

Signu per kruco en la kvadrato(j), se jes:

| S-ro | S-ino | Vegetarano | Handikapulo | IFEF-membro |
|---|---|---|---|---|
| ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ |

familia nomo:... ............................*prononco laŭ espeperanta alfabeto*.......................
antaŭnomo : ... ........................ naskiĝjaro ................................
strato kaj numero : ........................................................................................
lando : ........................................................ poŝtkodo kaj loĝloko : ..............................

Samtempe (aparte aliĝinta): filo/-ino ☐ edzo/-ino ☐ patro/-ino ☐

Nomo (j) kaj antaŭnomoj(j) : ..........................................................................................

| **Kongreskotizoj** | ĝis 31.01.2008 | ekde 01.02.2008 | |
|---|---|---|---|
| Kongresano (IFEF-membro): | € 50 | € 60 | .............. |
| Familiano kaj junulo/ino ĝis 30 jaraĝa: | € 25 | € 30 | .............. |
| Kongresano (ne IFEF-membro): | € 60 | € 70 | .............. |
| Simpatianto k. (ankaŭ v. en la Ĝenerala Instrukcio n-ro 6): | € 25 | € 30 | .............. |
| **Servoj** | | | |
| Ĉambro-perado: | | € 2 | .............. |
| Tranoktadkosto por unu nokto laŭ elektita kategorio (deviga!): | | | |
| Urbovizitado D1: Poznano | | € 3 | .............. |
| Duontaga ekskurso D2 (Wolsztyn): | | € 20 | .............. |
| Duontaga ekskurso D3 (Kórnik ): | | € 20 | .............. |
| Tuttaga ekskurso T1 (Gniezno-Biskupin- Wenecja kun tagmanĝo): | | € 45 | .............. |
| Bankedo kun la balo: | | € 20 | .............. |
| Krompago por ............................................................ | | | |
| | | **Sume** | .............. |

Loko , dato: ..................... Subskribo: ....................

Kongresa n-ro ☐

# Ĉambro-mendilo

**Por la 60-a Kongreso de IFEF ( Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) aranĝita de PEFA inter la17-a kaj 24-a de majo 2008 en Poznano , Pollando**

Sinjoro ☐ aŭ Sinjorino ☐

familia nomo:……………………………………………………………………………

antaŭnomo : …………………………… strato kaj numero: ……………………………

lando, poŝtkodo kaj loĝloko :……………………………………………………………

Mi deziras loĝi en la sama ĉambro kun ……………………………………………………

Nomo : ne gravas ☐

Mi mendas ĉambron de la.....-a majo ĝis la..... -a de majo 2008; en hotelo :
(Signu per kruco en la kvadratoj)

| 16/17 | 17/18 | 18/19 | 19/20 | 20/21 | 21/22 | 22/23 | 23/24 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ |

**La prezoj estas por unu nokto por unu persono kun matenmanĝo**
Bonvolu signi la elekton per kruco en la kvadrato ( j )

| | apartamento | unu-lita | du-lita | pli lita |
|---|---|---|---|---|
| Hotelo Mercure**** | € 250 ☐ | € 115 ☐ | € 72 ☐ | |
| Hotelo Lech*** | | € 42 ☐ | € 32 ☐ | |
| Hostel Frolic Goast (amas loĝejo) | | | | **€ 17 (4 lita)** ☐ ( kun matenmanĝo) |
| | | | | **€ 11 (10 lita)** ☐ ( kun matenmanĝo) |

Mi alvenos al Poznano

per (trajno, aŭtomobilo, aviadilo ktp): la …...... –an de majo 2008 , ĉ. la...........-a horo

Mi deklaras, ke mi havas propran san- kaj akcident-asekuron por mia restadtempo en Pollando dum la 60-a IFEF-kongreso.

dato ………………… subskribo ……………………………

# PROVIZORA PROGRAMO de la 60-a IFK en Poznano

| | | |
|---|---|---|
| **16.05.08 vendredo** | 13.00 | Informejo, akceptejo (DKK- Kulturdomo de Fervojisto Al. Niepodległości 8A) |
| **17.05.08 sabato** | 8.00 | Akceptejo, informejo (DKK) |
| | 14.00 | Gazetara konferenco |
| | 16.00 | Kunsido de la IFEF-estraro kaj de LKK (DKK) |
| | 20.00 | Interkona vespero |
| **18.05.08 dimanĉo** | 8.00 | Akceptejo, informejo, libroservo |
| | 9.30 | Solena malfermo (salonego NOT ul. Wieniawskiego 5/7 |
| | 12.00 | Komuna fotado |
| | 14.00 | Duontaga promenado tra urbocentro de Poznano - D1 |
| | 14.00 | Faka komisiono |
| | 17.00 | Sankata Meso |
| | 20.00 | Nacia vespero (NOT) |
| **19.05.08. lundo** | 8.00 | Informejo, libroservo |
| | 9.00 | Komitata kunveno nepublika (DKK) |
| | 13.30 | Duontaga ekskurso trajne al Wolsztyn - D2 |
| **20.05.08 mardo** | 8.00 | Informejo, libroservo |
| | 9.00 | Plenkunsido publika ( NOT) |
| | 13.30 | Faka komisiono |
| | 16.00 | Prezentado de venonta 61-a IFK |
| | 19.00 | Kultura vespero (NOT) |
| **21.05.08 merkredo** | 8.30 | Tuttaga ekskurso al Lednica, Gniezno, Biskupin kaj Wenecja (muzeo de etŝpuraj fervojoj) laŭ Piast-reĝa itinero - T1 |
| **22.05.08 ĵaŭdo** | 8.00 | Informejo,libroservo |
| | 9.00 | Fakaj prelegoj (DKK) |
| | 14.00 | Duontaga ekskurso al kastelo Kórnik - D3 |
| | 20.00 | Bankedo kaj internacia balo |
| **23.05.08 vendredo** | 8.00 | Informejo, libroservo |
| | 9.00 | Movadaj aferoj (DKK) |
| | 10.00 | Faka komisiono (DKK) |
| | 15.00 | Solena fermo de la 60-a kongreso -NOT. |
| | 20.00 | Adiaŭa vespero |
| **24.05.08 sabato** | | Hejmenveturado, postkongreso. |

## ĜENERALAJ INSTRUKCIOJ

1. Ĉiu partoprenanto plenigu kaj sendu apartan aliĝilon por la kongreso kaj por la postkongreso al la adreso de LKK. Ankaŭ familianoj sendu apartan aliĝilon kaj indiku reciproke la parencan rilaton.
2. Skribu majuskle kaj preslitere aŭ tajpe, donante ĉiujn petitajn detalojn.
3. Sendu la pagon al la indikita bank-konto plej malfrue ĝis la 28-a de februaro 2008.
4. LKK povos trakti la aliĝon nur post la alveno de la pago.
5. La prezo estas en eŭroj. LKK akceptas la pagon en eŭroj aŭ en polaj zlotoj laŭ valut-kurso de dato de la enpago .
6. La partoprenantoj el la "eks-socialismaj landoj" pagos saman kotizon kiel simpatianto. IFEF-membro, ne IFEF-membro, familiano kaj junulo pagos same (25 eŭrojn ĝis 31.01.2008, respektive 30 eŭrojn ekde la 1-a de februaro 2008).
7. Se vi pagas por alia persono (kiu nepre devas sendi aparton aliĝilon!), menciu la ĝustajn detalojn pri la koncerna persono (nomo, lando, adreso).
8. La kongreskotizo ne estas repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenas la kongreson. La antaŭpagitaj sumoj estos repageblaj post la depreno de 10% por administrado, kondiĉe ke LKK ricevos la malmendon ĝis la 15-a de aprilo 2008.
9. *LKK havas la rajton rezervi la sam-kategorian ĉambron en alia hotelo, se la mendita kategorio elĉerpiĝis ĝis la alveno de la mendo de la aliĝanto- alpago aŭ elpago en akceptejo de IFK.*
10. LKK akceptas la ĉambromendon, se la ĉambroperado kaj la prezo de unu tranoktado estas pagitaj. LKK traktos la ĉambromendon sen garantie, se ĝi alvenos post la 1-a de marto 2008.
11. LKK konfirmos la ricevon de aliĝilo kaj pago per konfirmletero. Nepre kunportu ĝin al la kongreso! La nomŝildon oni ricevos dum la registrado ĉe la alveno. La nomŝildon oni ne rajtas vendi, transdoni aŭ interŝanĝi.
12. LKK havas la rajton ŝanĝi la prezon, se la inflacio aŭ aliaj ne antaŭvideblaj kondiĉoj devigos tion.

---

# Nova adreso de Kataluna Esperanta Fervojista Asocio

Post deviga ŝanĝo, jen la nova adreso de **KAFA** :
Kataluna Esperanta Fervojista Asocio
Estació Renfe Sant Andreu Arenal
Avda Meridiana s/n.
08030 BARCELONA
KATALUNIO HISPANIO

***Retadreso de KAFA :***
esperfervojo@yahoo.es

# Enkadra programo de la Postkongreso de la 60-a IFK (Malborko kaj Bjalistoko)

**Sabaton la 24-an de majo 2008**

7.00 - matenmanĝo
8.00 – forveturo el Poznano per busoj
10.00 -10.30 Strzelno –mallonga paŭzo kun vizitado en romanikstila templo
12.00 – 15.30 tagmanĝo kaj vizitado de la malnova urbo *Toruno*
18.00 alveno al Malborko kaj enloĝiĝo en la hotelo
19.00 vespermanĝo
*vespere libervola programo – ebla partopreno en vespera aranĝo „ lumo kaj sono” sur la kruckavalira kastelo en Malborko.*

**Dimanĉon la 25-an de majo 2008**

8.00- matenmanĝo
9.00 – solena malfermo de memortabulo de IFEF kaj plantado de kverko
10.00-12.00 vizitado de kruckavalira kastelo en Malborko kun ĉiĉerono
1300 - tagmanĝo
14.00 – forveturo al Gdansko
15.00 Gdansk Oliwa – vizitado de la katedralo kaj partopreno en orgena koncerto
16.00-19.00 – vizitado de la malnova urbo de Gdańsko (vizitado de la ĉefaj monumentoj en la Longa Foirplaco)
20.00 – vespermanĝo en Malborko

**Lundon la 26-an de majo 2008**

7.00 matenmanĝo
7.30 forvojaĝo el Malborko
11.00 – 13.00 Olsztyn – vizitado de la malnova urbo kaj tagmanĝo
14.00 Szczytno – vizitado de la kastelo
17.00 mallonga vizitado en Tykocin kaj en la fama sinagogo
19.00 Bjalistoko – loĝiĝo en la hotelo „Polesie” kaj vespermanĝo.
Poste renkontiĝo kun bjalistokanoj, koncerto en la kafejo FAMA

**Mardon la 27-an de Majo 2008**

8.00 matenmanĝo
9.00-10.00 vizitado de la palaco de Branicki
10.00-12.00 vizitado de la Muzeo de ikonoj en la apuda urbeto Supraśl
13.00 tagmanĝo – 40zl por unu persono
14.00 -17,00 urbrigardado kun la ĉiĉerono
18.00 vespermanĝo
19.00 vespera renkontiĝo kun bjalistokanoj

**Merkredon la 28-an de Majo 2008** (lasta tago - forvojaĝo)

7.00 matenmanĝo
8.00 – forveturo el Bjalistoko
12.00 Varsovio PKP – Warszawa Centralna
12.30 Varsovio-flughaveno Okęcie

# Terminologia angulo (4)

Pro internacia uzo de novaj – pleje teknikaj – kreaĵoj (produktoj) kadre de tutmondiĝo, oni mondvaste nomas la produktojn preskaŭ nur per anglaj mallongigoj, kiuj en la koncerna fakularo estas pli konataj ol eventualaj tradukoj.

Por terminologie trakti la problemon, komence necesas distingi inter

unue: nocio / difino / termino

due: konkreta produkto / produkto-priskribo / produktnomo

Propraj nomoj ne estas tradukendaj. Sekve, ankaŭ en Esperanto-tekstoj aperu iliaj mallongigoj senŝanĝe. Oni laŭtlegu ilin unuoplitere. Kompreneble, ĉiu tia konkreta produkto apartenas al difinebla nocio kun termino. Por fakaj Esperanto-tekstoj ni preferu, unuamencie enigi kaj la Esperanto-terminon kaj la anglan mallongigon (la lastan kursive). Ĉe sekvaj mencioj, pleje sufiĉas la nura mallongigo. La tekstmotivo decidas, ĉu necesas aldoni la tutan anglan produktnomon aŭ / kaj la produkto-priskribon, kiu estas pli detala ol difino.

Fervoja ekzemplo estas tre vasta nocio n-ro 11238 kun la termino „komandosistemo por ekspluatado”. *UIC* aldonis la difinon:

Tuto de ĉiuj tri hierarkiaj niveloj de fervoja sistemo:

(a) planado kaj administrado,

(b) dispozicio kaj

(c) operaciado kun regado kaj sekurigo de veturvojoj kaj veturiloj.

Speciale por estonta tuteŭropa uzo, kelkaj fervojaj entreprenoj komune konceptis koncernan sistemon kun la mallongigo ***ERTMS*** el la angla produktnomo ***E****uropean* ***R****ail* ***T****raffic* ***M****anagement* ***S****ystem*.

Por fakaj Esperanto-tekstoj menciantaj tiun sistemon, estas rekomendata la vortigo

- ĉe unua mencio en teksto: „(eŭropa) komandosistemo por ekspluatado *ERTMS”* (kun aŭ sen indiko de la kompleta angla nomo),

- poste, pli koncize: „komandosistemo *ERTMS”*, „sistemo *ERTMS”*, aŭ nur „*ERTMS”*.

Sciu ke la koncepto *ERTMS* temas ne pri iu ajn komandosistemo por ekspluatado, sed pri konsisto el klare determinitaj komponantoj.

*Heinz Hoffmann*
*sekretario de IFEF-Terminara Sekcio*

# Poloj konferencis en Poznano

De la 21-a ĝis 23-a de septembro 2007 okazis en Poznano la 18-a Landa Konferenco de la Fervojistaj Esperantistoj. En la kunveno partoprenis 25 personoj el 5 landoj, inter ili la Ĉk de IFEF Jindřich Tomíšek, la Vp de AFEF Martin Stuppnig, la vicurbestro de la urbo Bjalistoko Ireneusz Sosna, la Pr de EK Bjalistoko Ewa Karczewska, la Rd de "Irana Esperantisto" Reza Torabi kaj aliaj.

Post la solena inaŭguro, la vicurbestro de Bjalistoko Ireneusz Sosna salutis la 18-an landan konferencon de la fervojistoj kaj en la nomo de la urbestro de Bjalistoko Tadeo Truskolaski invitis partopreni Postkongreson de la 60-a IFK okazonta en Bjalistoko. La Ĉk Jindřich Tomíšek prezentis i.a. aktivadon de IFEF kaj pozitive pritaksis la objektojn de la sekva 60-a IFK okazonta en majo 2008 en Poznano.

Sabate je la 9-a horo, oni sekvis raportojn pri la agado de la pola landa sekcio de IFEF kaj pri eldonado de ĝia ilustrita bulteno "La Verda Lumo". Poste, oni diskutis precipe pri preparlaboroj de la 60-a IFK en Poznano kaj pri la 4-taga Postkongreso okazonta en Malbork kaj Bjalistoko.

Sabate posttagmeze en ARKONES-ejo, la estraro de la PEFA kun helpo de la Ĉk Tomíšek kaj Martin Stuppnig, prezentis al esperantista publiko programon de la IFK de 2008 en Poznano.

Sabate vespere, oni renkontiĝis kaj traktis kun D-ro Edward Kozyra – la vicprezidanto de la Pola E-Asocio pri la Malborka programo de la Postkongreso kaj denove kun E. Karczewska pri la programeroj de la Postkongreso. La esperantistoj kaj urbaj instancoj de Malbork kaj Bjalistoko volas valorigi la postkongresan programon i.a. partoprenante en la solena plantado de la IFEF-arbo kaj malkovro de la memorŝtono en la Parko de la Paco kaj starigo de la omaĝa memortabulo.

Pri la programo kaj kotizo de la Postkongreso vi estos pli detale informitaj en venonta numero de IF.

*Ĉefkomitatano Jindřich Tomíšek*

## Naskiĝdatreveno

La 23/11/2007 Heinz-Dieter HARTIG festis sian 80 jariĝon.
Pro lia granda merito, en jaro 2001 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por lia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

**Fine de la jaro 2007 forlasis nin du elstaraj fervojistaj esperantistoj.**
**Temas pri niaj amikoj Friedrich TSCHOM kaj Ludoviko SEKEREŜ.**
**IFEF kondolencas ilian familion.**




Dipl.Inĝ. **Friedrich TSCHOM** mortis la 17-an de novembro 2007 post longa malsano de haŭto. Li aĝis 82 jarojn.

Antaŭ la fondiĝo de AFEF, s-ro Dipl.Inĝ. Tschom estis la estro de la "Fervojista Esperanto Fakgrupo Aŭstrio" kaj en novembro 1956 la redaktorto de la unua numero de "Bulteno"

Li estis dum jardekoj la estro de la Fervojista Esperanto-Asocio Linz kaj kunlaboris en tiu ĉi funkcio ĉe multnombraj naciaj kaj internaciaj kongresoj kaj konferencoj.

Same, li partoprenis, kiel reprezentanto de Aŭstrio, internaciajn kongresojn en tuta Eŭropo.

Li verkis fakprelegojn pri instalaĵoj de la Aŭstria Fervojo kaj estis aktiva kunlaboranto de la Terminara Komisiono de IFEF.

Kaj ĉefe menciinde estas, ke li dum multaj jaroj gvidis Esperanto-kursojn por komencantoj kaj progresintoj en Linz.

Sinjoro Dipl.Inĝ. Tschom restas por nia movado neforgesebla kaj ne anstataŭebla.

In memoriam

## Ludoviko SEKEREŜ



La 22-an de oktobro 2007 forpasis nia elstara E-aktivulo Ludoviko Sekereŝ (Szekeres Lajos) el la urbo Senta en Vojvodino, Serbio. Li naskiĝis en la jaro 1927 en Sombor. Post studjaroj li en 1955 fariĝis trafikinĝeniero pri fervojoj kaj oficis en Fervoja Direkcio en Novi Sad, poste en provinca sekretariato pri urboplanado, spacplanado kaj protektado de vivmedio. Li laboris je projektado de pluraj fervojstacioj kaj fervojnodoj. Post pensiuliĝo en 1992, li translokiĝis al la urbo Senta en 1997.

Li esperantistiĝis en 1948 kaj ĉiam aktivis en diversaj kampoj, precipe ĉe fervojo. Li fondis plurajn fervojistajn E-societojn. Lia ĉefa agado estis prilaboro de fervoja E-terminaro, kunlaboro en Terminara leksikono. Kun Josip Zupanić li verkis kaj en 1971 eldonis Fervojan Terminareton Esperanto–Serbokroata / Serbokroata-Esperanto.

Ekde 1973 li agis en Terminara komisiono de IFEF kaj kontribuis je difinoj por pli ol 13 mil fervojaj E-nocioj. Li verkis E-lernolibron ESZPERANTO NYELVKO**NYV (E-lernolibro por kursoj, lernejoj kaj memlernantoj, eldonita en 2000), gvidis multajn E-kursojn, verkis grandan nombron da fakaj kaj alispecaj artikoloj, reviziis multajn E-tekstojn kaj agis en diversaj E-funkcioj.POR MERITOJ li ricevis plurajn diplomojn de diversaj Esperanto-organizaĵoj.

La forpaso de Ludoviko prezentas grandan perdon por la nacia kaj internacia E-movadoj.

Li restu profunde en nia memoro. Gloron al vi, Ludoviko!

.

# Plia informo pri la faka kunveno de la Fervojistoj en Jokohamo

En paĝo 92 de IF n° 2007.6, rilatanta la kontakto-kunvenon de la fervojistoj dum la 92-a UK en Japanio, fine de la teksto estis skribite :

"***Poste, la japanaj fervojistaj esperantistoj planis fakan ekskurson al Tokio. Sed, ĉar la propono ne venis sufiĉe frue, la partoprenantoj jam planis aliajn programojn***".

La prezidanto de JELF (Japana Esperantista Ligo Fervojista) s-ro Osiaka deziras alporti jenajn aldonaĵojn.

*Li precizigas ke la estraro de JELF frue retpoŝtis al IFEF-estraro anoncante eblecon fari proponon pri faka fervojista programo inkluzive de ekskursoj por kolegoj. Sed UEA ne klare respondis al la demando de la vic-prezidanto de IFEF pri tagordoj de fakaj kunsidoj dum la UK. Kaj ĉio prokrastiĝis, ni preparis nin por la ekskurso sed programoj malfrue fiksitaj malebligis taŭgan fervojistan ekskurson.*

*Pro tio, lastmomente aliaj programoj estis proponataj.*

Osioka Moritaka, Prez. de JELF

&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&

## *Historia libreto okaze de la 100 jariĝo de IFEF*

***Jam ekzistas tri historiaj libretoj de IFEF memorigantaj ĝian movadon ĝis la jaro 1999. Sed ĉu ne estus interese kolekti la memoraĵojn de la nuna epoko (1999-2009) kaj eldoni novan historian libreton cele al konservi papere la IFEF-okazintaĵojn?***

***IFEF-estraro proponas, tiucele, malfermi fonduson. Pro tio, estus necese havigi sumon de 5 000 € por la realigo de du-tri-centpaĝa dokumento eldonota tri cent ekzemplere.***

***Por ke ni havu kompletan bildon de la IFEF-movado dum 100 jaroj, helpu la realigon de tiu projekto :***

- ***per la kolekto de viaj enlandaj arkivoj,***
- ***per financa helpo al tiu fonduso (bonvolu sendi monhelpon al nia kasisto kun mencio de la fonduso).***

## Honorigitoj

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco,aŭ per FISAIC-medalo, ni priskribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiujn ricevintojn !
Tial ni jam publikigas liston de nun vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj, honorigitoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora « Patrona Komitato de IFEF ».

### Honora Prezidanto

| | | Jaro |
|---|---|---|
| Engen Per | Norvegio | 1998 |

### Honoraj Membroj

| | | |
|---|---|---|
| Kruse Elfriede | Germanio | 1980 |
| Engen Per | Norvegio | 1988 |
| Olsen Henning | Danlando | 1995 |
| Barnickel Willem | Germanio | 1996 |
| De Sutter Lucien | Belgio | 1997 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | 1997 |
| Rösemann Otto | Germanio | 1999 |
| Patay János | Hungario | 2000 |
| Glättli Ernst | Svisio | 2001 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | 2001 |
| Eggenberger Gertrud | Svisio | 2004 |
| Schindler Heinz | Germanio | 2005 |
| Robiolle Pierre | Francio | 2007 |
| Krogstie Per Johann | Norvegio | 2007 |

### Honora membro de FISAIC

| | | |
|---|---|---|
| De Sutter Lucien | Belgio | 1998 |

### Honorigitoj per FISAIC-medalo speciala

| | | | |
|---|---|---|---|
| Geroldinger Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blauw Thies | Aŭstrio | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| Kruse Elfriede | Germanio | ora | 1975 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | ora | 1988 |
| Robiolle Pierre | Francio | ora | 1994 |
| Engen Per | Norvegio | ora | 1998 |

### Honora Patrona Komitato de IFEF

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ceci Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviaro, Bologna | 1970 |
| D-rino Boulton Majorie | Britio | Universitato Oxford | 1977 |
| Inĝ Rodak Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de la fervoja direkcio de Katowice | 1987 |
| Inĝ Vojtěch Zelenka | Ĉeĥio | Direktoro de la fervoja direkcio en Ĉeĥio | 2003 |

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*60-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Morillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "

# PARTOPRENU LA VENONTAN SKISEMAJNON

La 49-a IFES okazos en Braŝovo /RO, de la 23-a de februaro ĝis la 1-a de marto 2008!

Ronde de Braŝovo estas multaj allogaj ski-terenoj kaj krome ne mankas ŝancoj por ceteraj programeroj!

Konante la urbon/regionon kaj la lokan E-movadon mi nur povas rekomendi mult-nombran partoprenon. Lastjare, ankaŭ la ne-skiantoj (ankaŭ mi ne plu skiadas) vere ĝuis la proponitan programon.

Nia vic-ĉefkomitatanino, d-rino Rodica TODOR, jam lastjare sukcesis realigi la semajnon novstile "Amikecan Vintran Sportferiadon", kiu inkludis " sportan" turismon kaj kulturajn aranĝojn, koncerne la vintron! Aliĝiloj aperos senprokraste. Fine ni dankas niajn rumanajn geamikojn, kiuj denove savis IFES-on last-momente!

Do karaj, ek al la 49-a IFES!

*Martin Stuppnig*

(pliaj informoj kaj aliĝilo kuŝas en paĝoj 6,7,8)

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*